# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 30/08/2014 Cent okdeka eldono 23/08/2014** SENDITA (unua eldono 30/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**

SENDATA AL 275 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

Inteligente instrui Esperanton Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu



Esperanto ofertas al siaj lernantoj kaj uzantoj avantaĝojn kiuj igas la lernadon pli facila, pli profunda kaj pli rapida. Kaj ĝi plifaciligas la skriban kaj parolan aplikadon. La kaŭzoj por tiuj plifaciligaj avantaĝoj de la lingvo estas ĝia klara strukturo. Kiam Zamenhof kreis la lingvon li forprenis de ĝi ĉiun balaston kiun aliaj lingvoj portas kun si, li faris la lingvon malpeza rilate al konstruado de vortoj kaj frazoj. Li raciigis la lingvon.

Do la lingvo estas pli bone perceptebla per la racio ol aliaj lingvoj ĉe kiuj la lernanto devas lerni multajn regulojn kaj vortojn sen ekkoni la kuntekston. Sed pure enmemoriga laboro tute ne sufiĉas por lerni lingvon kaj por praktike apliki ĝin. Necesas enŝalti dum lernado kaj parolado la racian pensadon. Do la plej grandan avantaĝon pri Esperanto elprofitas tiuj kiuj plej bone kapablas pensi racie. Tial hodiaŭ en epoko en kiu niaj kapacitoj instrui la lingvon estas tre limigitaj, ni devas direkti nian agadon al homoj kiuj kapablas bone pensi racie.

Por lernanto la elirpunkto ĉe la lernado de Esperanto estas la propra lingvo kaj ankaŭ la lingvoj pri kiuj la lernanto jam okupiĝis en la lernejo. Estas plej bone komenci per vortoj kaj reguloj kiuj estas samaj aŭ tre similaj kiel en la propra lingvo de la lernanto. Per tiaj vortoj la lernanto tre rapide povas kompreni

kompletajn frazojn kaj tiel samtempe eklernas regulojn de Esperanto, ekzemple la diversajn gramatikajn finaĵojn de Esperanto.

Kaj la vortoj kaj frazoj kongruu kun la interesoj de la lernanto. La instruanto devas adaptiĝi al la koncernaj cirkonstancoj de la lernanto, precipe pri la sociaj interesoj. Se ekzemple junulo interesiĝas pri futbalo, tiam frazoj kiuj aludas al la sfero de futbalo kaj en kiuj aperas la nomoj de konataj futbalistoj, estas plej taŭgaj.

La lernanto aŭdu multe la lingvon kaj ankaŭ multe parolu ĝin, ekzemple per frazoj kiel:
"Ĉu Maradona estas la trejnisto de la itala nacia futbala teamo aŭ ĉu li estas konata argentina futbalisto?
La lernanto povas respondi: "Maradona ne estas la trejnisto de la itala nacia futbala teamo, sed li estas konata argentina futbalisto". Por junulinoj aliflanke la aludo al nomoj de aktorinoj kaj aktoroj estas rekomendinda: "Ĉu Anĝelina Ĵolie estas la edzino de Eddy Murphy aŭ de Brad Pitt?"

Kaj la lernantoj memortenu laŭeble multe da teksto por povi ripeti ĝin ĉiam kiam estas libera momento. Parkerigi tekston eblas plej bone, se ĝi havas formon de rimaĵo. Mi verkis tian kurson jam antaŭ multaj jaroj kaj donis al ĝi la nomon "Esperanto laŭ takto". Jen vi povas mem legi kaj aŭskulti frazojn el tiu kurso. Ĝi estas farita por germanparolantoj, ĉar ĝi enhavas precipe komence prefere vortojn kiuj kongruas kun la koncernaj vortoj de la germana lingvo. Sed tiu principo estas aplikebla ankaŭ por aliaj gepatraj lingvoj de lernantoj.

Por sukcesigi kurson necesas daŭre teni la intereson de la lernantoj kaj necesas klarigi al ili la kuntekston de vortoj kaj reguloj komparante ilin kun la analogaj vortoj kaj reguloj en la propra lingvo. Tiam Esperanto povas fariĝi firma parto de la mensaj posedaĵoj de la lernanto kaj tiam la nova parolanto de la lingvo sukcese aplikos ĝin.
Posted by peranto

## **34. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO.** Ekfino de la Participoj.



Kiel Adverboj la Participoj ofte uzatas en Esperanto, en kiu kazo ili povas elveni el Subordaj Propozicioj: “Li biciklas kantante” povas, sed ne bezonas, elveni el “Li kantas dum li biciklas”. Notu ke estas nuanca diferenco en la signifoj de la du frazoj. La signifo de la Participadverba formo estas pli vasta. Ekz. en “Ŝi ĝojis renkontante lin” povas signifi, ke ŝi ĝojis ĉar aŭ dum ŝi renkontis lin, kaj “Baniĝinte” povas signifi “Ĉar kaj post kiam mi baniĝis”. Etnaj lingvoj uzas ĉi tiajn adverbojn kutime nur en la skriba lingvo, kaj tial ankaŭ Esperantistoj tendencas fari tion, sen neceso. Etnaj lingvoj ofte anstataŭigas prepozitivon aŭ similan: angle “while beginning”, france “au commencement”, germane “beim Anfangen”, aŭ aliajn.

Jen pliaj ekzemploj de la Adverba Participo: Fordoninte ĉiun sian monon, ŝi ne povis aĉeti manĝaĵon. Ŝi ploros suferante pro lia morto. Ni ripozis en la ĝardeno, bakinte kaj manĝinte rostitaĵojn. Ili neniam retrovenis, mortinte en la dezerto. Mi piediros al la urbcentro, manĝonte tie.

Marcel Leereveld.

# Pasintaj numeroj de ‘Aŭstraliaj Esperantistoj’

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

# EsperantoTV http://www.esperantotv.net/

# AEA kongreso 2-11 januaro 2015

http://aea.esperanto.org.au/congress **Venu !**




## Estas senpaga donaco

**Kvankam ĝi estas bona lernlibro**
**LA CELO ESTAS PROPAGANDILO.**
**Same kiel Grandbutikaj broŝuroj.**

**Vizitu Esperanto-Domon kaj portu sufiĉe da ekzempleroj al via klubo**

**EFNSK kontribuas por la presado, disvastigo.**
**La laboro fari libreton, kiu povos esti sendata per la reto progresas bone. Roger**


The GRAMMAR is based upon SIXTEEN FUNDAMENTAL RULES, which have no exceptions.
The PARTS OF SPEECH are formed from root-words by the addition of appropriate letters.

O is the ending for all names of things (NOUNS): fakto, gluo, distanco, fajro, piano, tasko

ADJECTIVES (descriptive words) end in A: evidenta, freŝa, longa, furioza, granda, simpla

NOUNS and ADJECTIVES form PLURALS by adding J: evidentaj, longaj, grandaj, faktoj, distancoj, pianoj (aj, oj sound as in *my boy*)

THE SIMPLE VERB HAS ONLY SIX ENDINGS.

| INFINITIVE | PRESENT | PAST | FUTURE | CONDITIONAL | IMPERATIVE |
|---|---|---|---|---|---|
| I | AS | IS | OS | US | U |
| ESTI | estas | estis | estos | estus | estu |
| LERNI | lernas | lernis | lernos | lernus | lernu |
| HELPI | helpas | helpis | helpos | helpus | helpu |

N marks the ACCUSATIVE (*direct object*). ADVERBS end in E
*Mi* (I) *helpas lin* (him) — energie
*Li* (he) *helpas min* (me) — entuziasme
*Ŝi lernas Esperanton* — diligente

# River Lights Sabato 11 Oktobro 14

Enhavos fremdlingvan sciigan lokon. Kiuj deziras volontuli por ĉeesti la feston? Demandas Andrew Spannenberg Sendu mesaĝon al A.E. kaj mi plusendos ĝin, Roger




# La Esperanto Federacio de Nov-Sud-Kimujro (Jarkunveno)

**24/08/14 elektitaj** Roger Springer (Prezidanto kaj Kasisto), Dmitry Lushnikov (Vic-Prezidanto), Margaret Chaldecott (Sekretario), Marina Lobanova* (Strategia Direktoro).
Aliaj direktoroj-- Nicole Else, Mei Springer, Robert Bain, Jonathan Cooper, Christine Holliss, Alan Turvey.
*Kondiĉe ke ŝi subskribos la formularon de ASIC

# Esperanto Klaso ĉe Esperanto-

# Domo Sidnejo

Dimanĉon la 24an de aŭgusto en Esperanto-Domo okazis Esperanto-klaso por komencantoj. Richard Delamore prezentis la plej gravajn regulojn, vortkonstruadon kaj parolpraktikadon.





Kvin komencantoj partoprenis la klason. Grave mencii kial ili decidis komenci lerni Esperanton. Tri knabinoj (Polina, Jenny kaj Kallia) deziras esti filmataj de Esperanto-TV por muzika filmeto, Universitata studentino Hellen interesiĝas pri Esperanto kaj ankaŭ planas helpi nin kun Esperanto-Doma retejo. Marina planas viziti E-kunvenon en Ĉinio kaj intensive lernas Esperanton nun.



Sekva leciono okazos dimanĉon la 7an de septembro je la 12a ptm.

Dmitry Lushnikov

**Ĉiuj alvenantoj estos bonvenaj.**

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

La venonta Skype estrarkunveno okazos jaŭdon, la 21-an de aŭgusto, je la 19:00 (18:30)

Nenia raporto alvenis.

# Libro verkita de Nicole Else




En la nuna numero de Beletra Almanako (numero 20 de junio



2014) estas du-paĝa recenzo pri mia libro **Foreign languages what they don't often tell you**. La libro aĉeteblas por $10 inkluzive de la sendokostoj ene de




Aŭstralio. Sendu al mi retmesaĝon, se vi deziras aĉeti.

Amike, Nicole [nicole@cryogenic.net](mailto:nicole@cryogenic.net)

**Beletra Almanako** estas literatura periodaĵo, lanĉita en septembro 2007. Komence ĝi publikiĝis ĉiun sesan monaton, sed ekde 2009 ĝi aperas trifoje jare

Por aboni vidu [http://www.beletraalmanako.com/](http://www.beletraalmanako.com/)

# Universala Kongreso en Bonaero.




Antaŭ kelkaj semajnoj finiĝis la 99-a Universala Kongreso de Esperanto en Bonaero. Tiu granda evento, kiel multaj aliaj aranĝitaj de la esperantista komunumo, naskis bonajn fruktojn kaj restos en nia memoro. Povu ni pli kaj pli diskonigi la internacian lingvon kaj kunĝui bonajn atingojn! Vidu surprizon, kiun ni faris por vi. Ĝis la venonta kongreso!

**SPEKTU FILMETON!**

## Bona Volo en la 99-a Universala Kongreso de Esperanto

## La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Se vi trovas eraron, aŭ io mankas informu AE

# La Kluboj

**Se la suba kluba informo ne ĝustas, ne plendu, informu min. Roger rspring@tpg.com.au**

**La Manlia Esperanto-Klubo**. unua kaj tria Sabato. 10atm Roger Springer 02 9976 0632

La Brisbana Esperanto-Societo Kvara Sabato 1ptm Kay Anderson 07 3372 7006

La Brisbana Esperanto-Kafoklubo Kvara Sabato 3ptm

Esperanto-Grupo de Centra Marbordo Dua Dimanĉo 2ptm

La Tasmania Esperanto- Societo Jaŭde 7ptm

La Melburna Esperanto-Klubo Lunde 6.30ptm

Esperanto-Kafo-Klubo de Kanbero Vendrede 5ptm

Esperanto-Domo, Sidnejo Lasta ??Dimanĉo 12tm Roger Springer 02 9976 0632

Torkio Esperanto-Kafo-Klubo, Viktorio unua Sabato, 1.00ptm 03 5261 2899

Esperanto en Sudaŭstralio The Box Factory, 59 Regent St South, ADELAIDE unua merkredo 08 8242 1460

Adelajda Esperanto-Grupo, Adelajda Esperejo, 81/9 East Tce, ADELAIDE ĉiu sabato 08 8359 3375

Esperanto League of Western Australia Inc. unua kaj tria Sabato (08) 9343 9532.

Esperanto in Sydney Meetup group.

# La Novaĵletero de Aŭstraliaj Esperantistoj

Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

La ‚Aŭstraliaj Esperantistoj' (AE) publikigas vidpunktojn en Esperanto, sendepende ĉu vi estas membro de kluboj aŭ asocioj.
Skribu al ĉirkaŭ 240 individuaj legantoj, sed en Esperanto, mi petas.

La Novaĵletero Aŭstraliaj Esperantistoj estas elsendata almenaŭ unufoje semajne

La novaĵletero 'Aŭstraliaj Esperantistoj' subtenas liberan sinesprimon kaj honestajn kaj senkaŝajn artikolojn. Sed ni rezervas la rajton modifi aŭ forigi viajn komentojn se ni konsideras ilin esti ofendaj aŭ tro malrespektaj. Ni nun provlegas ankaŭ la leterojn kaj korektas la mistajpojn kaj gramatikajn erarojn.

Se oni prokrastas ĝis perfekto, oni faras nenion, ĉar la morto atendas vin.
Ne Ĉagreniĝu! sed Parolu!, Skribu!,

# La adresaro de "Aŭstraliaj Esperantistoj"

Individuaj ricevantoj de Esperanto-elsendaĵoj per la reto kaj listigitaj en la adresaro de Aŭstraliaj Esperantistoj.

| First name | Family Name | Christine | Paul | Henriette | Vanechop | Lenny | g-----b | Peter | Mitchell |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Abid | Afridi | Christine | Holliss | Henry | Broadbent | Leonie | McGlashan | Peter | Weide |
| Adam | Olechnowic | Claudia | Layton??? | Hermann | Kroppenberg | Lev | Lafayette | Philip | Nichols |
| Adrien | Follin | Colin | Robinson | Herve | Diviciacos | Libby | Farris | Philip | Smart |
| Alan | Turvey | Crystal | Hill | Howard | Gravatt | Linda | Fields | Rae | Watson |
| Alan | Bishop | Cyrille | Hurstel | Huigh | Malcolm | Ljiljana | Popovic | Rainer | Kurz |
| Alan | Mendelawitz | Dale | McManus | Humphrey | Tonkin | Louise | Blyton | rani | lyons |
| Alan | Dean | Dan | no name | Ian | McArthur | Luke | Marsillo | Rees | Pearse |
| Alan | Collinson | Daniel | Kane | Ian | Green | Lumera | Nohill | Renato | Corsetti |
| Alen | Basic | Daniel | Forrest | Ian (Jano) | Wylles | Marc | Schmidt | Renjo | Oren |
| Alex | Slaney | Danton | Black | Indrani | Beharry-Lall | Marc | James | Richard | Delamore |
| Alex | Huggett | David | Dalgleish | Indu | Thapalia | Marcel | Leereveld | Richard | Marcus |
| Amanda | Markham | David | Dewar | Ivan | Pivac | Marcus | Gabor | Richard | Penman |
| Amy | Regal | David | Ryan | Jaga | Oprzedek | Marcus | Dohring | Robert | Budzul |
| Andre | Samosir | David | Kidd | Jaiden | Golding | Margaret | Chaldecott | Robert | Hoogenboom |
| Andrea | Witt | Dennis | Murphy | James | McElvenny | Margaret | Yue | Robert (Bob) | Bain |
| Andrew | Adams | Deshan |  | Jane | Allen | Margarita | Pavlova | Roger | Springer |
| Andrew | Maybury | Dianne | Lukes | Jared | Martin | Maria | Jojkitty | Roger | Hill |
| Andrew | Lutz | Dianne | Mitchell | Jason | Covell | Marika | 6tg | Ronald | Gates |
| Andrew | Spannenberg | Dmitri | Lushnikov | Jay | Mooney | Marina | Lobanova | Rouan | van Ryn |
| Angela | Maag | Donald | Rogers | Jeff | Cullinan | Marja | Niesen | Ruth |  |
| Anne | Sanders | Doug | Eising | Jennifer | Birchall | Marjorie | Johnson | Sandor | Horvath |
| Archana | Joshi | Duncan | McDonald | Jenny | Bishop | Mark | Smith | Sandor | Monostori |
| Arnie | Schaaij | Dzejlana | Haveric | Jim | Radford | Mark | Pavic | Sandra | Connors |
| Barbra | Stephen | Edith | Mejia | Jo | Turvey | Martin | Gray | Shayne | Power |
| Barbra | Treharne | Edna | Watson | Joanne | Johns | Marumi | Smith | Shirley | Gradussov |
| Barrie | Cledsmith | Eko | Nur Hidayat | Joffre | Bell | Mary | Mills | Shresta | Kishor |
| Barry | Healy | Eleanor | Perno | Johano | Massam | Mason | White | Sibel | Lewis |
| Benjamin | Hook | Elizabeth | Mortimer | John | Gallagher | Matthew | Maguire | Sidney | Wolifson |
| Benno | Lang | Elrae | Adams | John | Lang | Max | Wearing | Siu | Chan |
| Benny | Milligram | Erhard | Claus | John | Casey | Michael | Waters | Stephen | Landman |
| Beth | Wearing | Erin | McGifford | John | Forbes | Michael | LoSordo | Stephen | Pitney |
| Beth Maree | Shields | Esperanta | **Retradio** | John | Calder | Michael | Zhang | Steven | Garamy |
| Bettie | Hart | Esperanto | muzeo | John | Fleming | Mick | Gallagher | Svetislav | Kanachki |
| Betty | Chatterjee | Esther | Parris | John | Adams | Mike | Leon | Szilvasi | **Laszio** |
| Bharat | Ghiomire | Finnur | Larusson | John | Abood | Mike | Taggart | Teodomiro | Clavis |
| Bill | Starke | Franciska | Toubale | John | Garvey | Mikel | Rizo | Terry | Manley |
| Bill k Mabel | Wybenga | Francisko | Zilli | Jonathan | Cooper | Miranda | Lutz | Thomas | O'Gliasain |
| Birgitta | Carney | Frits | van Scheepen | Jonathan | Moylan | Morgan | Day | Tiffany | Liu |
| Blaze | Doric | Fujun | Xiao | Jorge | Gallegillos-Pozo | Nancy | Roy | Tim | Warren |
| Bob | Felby | Gerry | Phelan | Kam | Lee | Nicole | Else | Tim | Stackpool |
| Bona Volo | Brazilo | Giles | Thomson | Katarina | Taggart | Nigel | unknown | Todd | Herbert |
| Bradley | McDonald | giri | Rao | Katja | Steele | Olga | du Temple | Trevor | Steele |
| Brendan | Linnane | Glyn | Truscott | Kay | Andersen | Owen | Loneragan | Trish | O'Connor |
| Brian | Barker | Gordon | Coleman | Kehui | Bao | Pamela | Fenton | UEA | UEA |
| Brian | Dance | Grace | Alvarez | Keith | Bowling | Patricia | Palmer | Utho | Maier |
| Brodie | May | Graham | Fennell | Ken | Rolls | Patrick (Lize) | Zhang | Valencia | Tan |
| Bruce | Muhlhan | Gregg | Libby | Kep | Enderby | Paul | Burger | valery | matushkov |
| Caitlin | McCluskey | Gus | Faith | Kerry | Robson | Paul | Desailly | Vera | Payne |
| Carol | Lutz | Halinka | Ejsmont | Kevin | Warburton | Paul | Gorny | Vicky | Crickett |
| Caroline | Turner | Happax | Legomenon | Kevin | Kenefick | Paul | Green | Volo | Gueltling |
| Catherine | Chen | Harold | Sĉmitz | Kiah | Morante | Paulo | Cesar | Wally | du Temple |
| Chan | SY | Hazel | Green | Kieu Tu | Duong | Penny | Vos | Yaw | Badu |
| Charles | Stevenson | Heather | Heldzingen | Kirsi | Rossi | Peter | Bird | Yvan | Serve |
| Chris | Krageloh | Helen | Webb | Lauren Victor | Smith | Peter | Cummins | Yvan | Serve |
| Chris | Morrow | Helen | Palmer | Laurie | Kirwan | Peter | Willshire | Yvonne | Harvey |

La noma listo de "Aŭstraliaj Esperantistoj" en havas homojn kun konata nomo kaj retadreso

Se vi deziras ke via nomo estu sur tiu listo de ricevantoj, abonu! rspring@tpg.com.au

Se vi deziras ke via nomo ne estu sur tiu listo de ricevantoj, malabonu! rspring@tpg.com.au

Se vi deziras ke nomo de familiano estu sur tiu listo de ricevantoj, informu min.

Mi povas krome plusendi mesaĝon al individuo kiu estas en la supra listo.

Mi ne donas adresojn al petantoj.

Viaj leteroj al AE, devas montri vian nomon kaj se vi deziras, retadreson se vi akceptas, ke ĝi estu montrata post via letero.
Mi ne aldonas iun ajn retadreson se la skribanto ne mem faras tion.

Ĉu vi ŝanĝos vian retadreson? Informu min. rspring@tpg.com.au;

La adresaro de "Aŭstraliaj Esperantistoj" estas uzata krome por sendi
Tamen Plu, Telepeon, urĝajn anoncojn kaj se vi deziras, vian bonan ret-gazeton al ĉiuj homoj listigitaj en la adresaro de Aŭstraliaj Esperantistoj.

# Interesaj faktoj por Propagando

Mezura sistemo havas metron logikan facilan sistemon ekde 1795.
Lingvoj havas logikan facilan Esperanton ekde 1887.

Ĉu lernanto preferus lerni la metran sistemon aŭ la britan sistemon?

Muziko havas bekflutojn (school recorders) por instigi studentojn lerni pri muziko.
Lingvoj havas Esperanton por instigi studentojn lerni pri lingvoj.

Esperanto estas la 27a lingvo en la listo de lingvoj laŭ nombro de artikoloj en Vikipedio (entute 285 lingvoj estas uzataj tie).

En Hungario Esperanto estas elektebla lingvo kiel antaŭfako por universitataj studoj. Miloj da gestudentoj ĉiujare lernas Esperanton kaj plejparte poste denove forgesas ĝin, ĉar mankas al ili la kontakto al la lingvo.

Eĉ la fuŝa studo de la angla faciligas la estontan studon de Esperanto en ne latin-alfabetaj landoj

Esperanto estas la 27a lingvo en la listo de lingvoj laŭ nombro de artikoloj en Vikipedio (entute 285 lingvoj estas uzataj tie).

# Iloj por Esperantistoj

Senpaga Freelang vortaro estas tre uzinda kiam vi skribas, legas per komputilo

Plena Ilustrita Vortaro (PIV) estas surrete. http://vortaro.net/

## Uzu Esperantajn literojn Ĉ, Ĝ, Ĵ, Ĥ, Ŝ kaj Ŭ

Unu de la pli facila metodo **http://esperanto.typeit.org/** **senpage aŭ**
**eĉ Pli facila** http://www.typeit.org/app/?lang=esperanto&side **$12.50c**
Aliaj solvoj
La specialaj Esperanto literoj estas ĉiuj en la ''Latin 3 Symbols'' supre dekstre sub ''Insert''. Oni alklakas ''Insert'' kaj dekstre aperas ''Symbols''. Oni povas instali la Esperanto literojn sur la klavaro.
**aŭ**
**Por vindozaj komputiloj senpagaj** **Ek!** aŭ Tajpi aŭ vidu sube
Angle http://en.esperanto.org.nz/how-to-learn-esperanto/how-to-type-esperanto-characters,
Esperante : http://eo.esperanto.org.nz/how-to-learn-esperanto/how-to-type-esperanto-characters

La epoŝta programo "gmail" de Google transsendas la esperantajn literojn tute bone

# Lecionoj, Studoj, Legado, Muziko

Nun vi povas lerni ankaŭ Esperanton per **lingibli.** http://eo.lingibli.com/

Kurso de **Esperanto** - Main page http://www.kurso.com.br/index.php?en

**lernu**! - Learn **Esperanto** online. Live tutors, dictionary, books & music **lernu**.*net/*

17.528 homoj ŝatas Lernu.. **Entute estis 15 508 190 vizantoj**

# Rekomendata Legado, Aŭskultado, Videoj

"Mirmekobo," de Donald Broadribb www.gazetejo.org/eo/mirmekobo
"Tamen Plu" de Katarina Taggart. Ni sendos kopion al niaj konataj retadresoj
"Telopeo" de EFNSK Ni sendos kopion al niaj konataj retadresoj
"Esperanto sub la Suda Kruco" AEA www.esperanto.org.au info@esperanto.org.au
Via kluba Novaĵletero? Laŭ peto, ni sendos retkopion al niaj konataj retadresoj

**3ZZZ Radio Melburno** http://esperanto-radio.com/3zzzradio

La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ 5 minutan aŭskult/legon tage.
http://esperantareradio.blogspot.co.at/

EsperantoTV http://www.esperantotv.net/

CRI online http://esperanto.cri.cn/ Bona Esperanto Bonaj Programoj

http://ckuik.com/Esperanto Eniro je Multegaj Esperantaj videoj de Jutubo

Filmetoj de Gian Piero Savio **http://vimeo.com/album/2111699**

http://www.bookbox.com/ La rakontoj estas laŭtlegataj de diversaj personoj

The Simpsons https://www.youtube.com/watch?v=M_77-WMZ1nY

**LA ESPERO** Esperanta himno Bonega por kunvenoj
Esperanta kunkanto (Karaoke) kun A-cappella Ĥoruso

# Gastdormejo de EFNSK

La **GASTDORMEJO** de EFNSK devas esti antaŭmendita de estontaj gastoj.
Neniuj Esperantistoj loĝas tie aŭ proksime por helpi gastojn, kiuj ne antaŭmendis.
Se eble antaŭmendu almenaŭ 2 semajnojn antaŭe. Tio helpas nin prepari la gastdormejon.

## Vortoj de "Lernu"

ADVOKATO
1. Persono oficiale rajtigita defendi en juĝejo la interesojn de procesanto aŭ de akuzato:
Li havas multe da mono kaj bonan advokaton, pro tio nenion timas.
Pastro vivas de preĝoj, advokato de leĝoj.
Mi laboras en advokata oficejo.
Li registriĝis en la loka advokataro.
Mi esperas, ke mia advokateco ne estos nuligita.
2. Persono, kiu parolas aŭ pledas favore al afero, aŭ vice de alia persono:
Bonvolu esti mia advokato antaŭ mia edzino.

ARDI
1. Esti blanke varma, varmega, brulegi:
En fajrujo ardas karboj kaj ŝtipoj.
Atentu - la forno estas arda! Ĝi estis ege ardigita.
Metu ankoraŭ unu ŝtipon en la ardejon.
Malseka herbo ekbrulis pro disblovita ardaĵo.
2. Esti tre pasia, tre fervora, ekstreme viveca:
Mi ne estas juna, sed mia koro ardas.
Mi ĝojis vidi ŝiajn ardantajn okulojn.
Ni komencis ludi - nin infektis ŝia ardo.

CEDI
1. Ne kontraŭstari, ne plu kontraŭbatali, ne plu rezisti:
Finfine la malamika armeo cedis.
Ŝia koramiko cedis al ŝia deziro havi kolieron kun diamantoj.
Viaj cedoj al la deziroj de via infano nur dorlotas lin.
Kiam finiĝos via cedado al kapricoj de via edzino?
La diskuto estis trankvila, ĉar la diskutantoj estis cedemaj.
Finfine vi kapablis malcedi al liaj kapricoj.
2. Lasi al iu ion, kion oni okupis, posedis aŭ pretendis:
La reĝo cedos la tronon al sia plej maljuna filo.
Tiu domo estu mia cedaĵo al vi.
Nur vi rajtas uzi la vojaĝbileton; ĝi estas necedebla.
Li forcedis la tutan sian heredaĵon al malhonestuloj.

**Se vi ne sendas novaĵon, mi ne povas informi la legantojn.**
**Roger Springer**